*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 14/02/2019 Kvarcentdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro _*Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **356,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **308,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **111,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 55 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








P.A.G., analize, dividas la verbojn en du gravajn specojn, klasojn, nome tiujn kiuj esprimas percepteblan agon kaj tiujn kiuj esprimas la posedon de iu kvalito. En etnaj lingvoj tiu divido gravas, ĉar ofte rezultas en malsamajn traktojn. Sed ĉar en Esperanto ĉiuj verboj traktatas egale, mi preferas, sinteze, klarigi ke ekzistas granda grupo de vortoj, nomataj Verboj, (kaj kiuj kutime formas la Predikaton, kaj ke eĉ verboj kiuj indikas kvaliton, kiaj "esti, resti, sidi, ricevi, nomiĝi, kaj batati", faras agon, ĉar por esti kaj resti la molekuloj devas forte agi por teni objekton aŭ personon tia kia ĝi estas, kaj ke negativa ago kia "batati" enhavas la agon pasive suferi aktivan agon. Do ĉiuj Verboj indikas iun specon de ago. Do en la praktiko, kaj en Esperanto, eĉ ne en la gramatiko bezoniĝas dividi la verbojn en agajn kaj en statajn verbojn: ĉiuj verboj estas agaj kaj indikas agojn. *Marcel Leereveld*



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 16a de februaro estos la tria sabato. Venu! Vizitantoj estu bonvenaj.

*Roger Springer*



# Tiu ĝardeno deas mian fraton.

**LA NEUZATA VERBO ESTAS ĜUSTA, NE KOREKTA (ĉar oni ne KOREKTIS ĝin).**



Ĉar ĉiuj prepozicioj, en kiu ajn pozicio, funkcias iomete kiel verboj, ili teorie povas ĉiuj ŝanĝati en verbon. Tiukaze la vorto antaŭ ĝi estas ĝia Subjekto, kaj la vorto sekvanta ĝin estas ĝia Objekto. Oni en Esperanto (ne en la eŭropaj lingvoj) kreis kaj uzadas plurajn verbojn faritajn el prepozicioj, ekz. “Parolado antaŭos la koncerton” kaj “Ŝi kontraŭas tiun proponon” kaj “La boato subas (= estas sub) la ponton”. Oni ne kreas novajn ĉar ne estas bezono, ĉar oni povas alimaniere esprimi la rilaton, ekz. “estas antaŭ aŭ estas kontraŭ aŭ estas sub (io)” Sed teorie oni povas verbigi ĉiujn prepoziciojn. Do “La ĝardeno DE la frato = La ĝardeno ESTAS DE la frato (=apartenas al la frato) = La ĝardeno DEAS la fraton”. Oni ne uzas tion, sed kiel ŝercon vi povos iam konsterni amik(in)on uzante ĝin, kaj tamen tiel uzi ĝustan Esperanton. Ni ja kelkfoje uzas tiajn ŝercojn, kiel “necesejumi” kaj “maltrinki”. Kaj poetoj eble kelkfoje bezonas unu el tiaj neuzataj ĝustaj verboj, por siaj poemoj aŭ kantoj.

Sed ne forgesu la regulon, ke la antaŭaĵo estas la Subjekto kaj la postaĵo (alia ŝerco!) la Objekto. Unu ne sufiĉe klera Esperantologo, Grosjean-Maupin, ne komprenis tion kaj kreis verbon el prepozicio kun la kontraŭa signifo: “peri”, kiu signifas “La disdonado per la butikoj = La disdonado peras (= uzas) la butikon”, same kiel “La vojaĝo peros (estos per = uzos) aŭtobuson”, sed li neklere kaj malĝuste uzis la kontraŭon “La butiko peras la disdonadon”. Kaj la ŝafaj Esperantologoj akceptis tion, neklere, kaj tiel kreante gravan escepton en nia (espereble) perfekta lingvo Esperanto. Kaj ili eĉ kreis novan monstraĵon ĉirilatan: “La poemo far la poeto” = La poemo faras la poeton”.

*Marcel Leereveld*.

**KELKAJ KONSILOJ PRI “DE” .**

Por ne konsterni la eŭropanojn, Zamenhof donis al la prepozicio “de” la kvar malsamajn signifojn de la eŭropaj lingvoj (escepte de la inteligenta angla lingvo). Ili estas:

**1e. “de” = apartenanta al, koncernanta:** La biciklo de la knabino; La tialo de lia decido; La ŝanĝo de la vetero; La principo de egaleco; La seriozeco de la kazo; La strangeco de lia retroveno; La muziko de tiu popolo; La laŭteco de la muzikinstrumentoj kaj de la muziko; La trankvilo de mia ĝardeno”. (angla: “*of*”).

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

**2e. "de" signifas "venanta el iu pozicio",** kiel en "La flugmaŝino de Bangkoko; Ŝia retroveno de Romo; La ordonoj de la Ĉielo; La sendaĵoj de Nederlando; Forpreni alumetojn de infano: La forsendo de la domo; La aĉetoj de tiu butiko. (angle: *from*). Mi uzas "el; el de; for de; kaj for el". P.A.G. proponas nur "de" kaj "for de".

**3e. "de" signifas "farita/at/ota de",** kiel en "La murdo de la policano" kaj "La deĵoro de la policano." kaj "La dorm(ad)o de la infano". Ĝia prepozitivo indikas la Subjekton de la ago entenata en la substantivo antaŭ "de", do "la infano" indikas la Subjekton de la ago "dormi". (angla: *by*). Mi uzas "de" kaj ĉe miskompreneblo "ate de". P.A.G. diskutas plurajn eblojn, ne tre sukcesajn. Pluraj aliaj fakuloj proponis, vane, aliajn solvojn. Sed P.A.G. fine decidas ke sufiĉas anstataŭigi "de" per "fare de" aŭ la kontraŭsenca kaj do neebla "far" se la Suplemento indikas la Subjekton de la ago en la unua substantivo: "La krimo fare de la policano" (kio ne solvas la problemon ĉar "fare de" povas signifi ankaŭ la kontraŭon: "La riparo fare de (= koncerne al) la biciklo".

**4e. "de" signifas "farita/ata/ota al",** kiel en "la murdo de la policano = oni murdis lin" kaj " la laŭdo de la policano". Ĝia prepozitivo indikas la Objekton de la ago entenata en la substantivo antaŭ "de", do "la policano" indikas la Objekton de la ago "laŭdi". (angle: *done to*). Mi uzas "de" kaj, ĉe miskompreneblo, "ante al". P.A.G. preferas uzi la akuzativon post "de", kiel tre ofte faris ankaŭ Zamenhof: "La manĝado la raton de la kato", sed neniu imitis nek imitas nek imitos ilin. Pluraj aliaj fakuloj proponis, vane, aliajn solvojn.

Ekzistas tiom da problemoj pri ĉi tiu "de", ke P.A.G. uzas sep paĝojn ($$135 – 141) por klarigi, kion ili nomas "la malfeliĉo de la du kontraŭaj signifoj de "de" Kaj ili eĉ ne mencias la kromajn kazojn, kie tiuj el kazoj 3 aŭ 4 havas similajn duoblajn signifojn kun kazoj 1) kaj 2) ĉisupre. La plej simpla kaj neneologisma solvo estas la mia, kiu uzas "de" ĉe aparteno, "el de" por foriro, "ate de" por laSubjekto, kaj "ante al" por la Objekto, sed nur "de" se ne ĉeestas miskompreno. Jen estas kelkaj ekzemploj:

"La retroveno EL DE la gepatroj (= *from*, )"; KAJ "La retroveno ATE DE la gepatroj (= *by*).

"'La akcepto ATE DE la urbestro (= *by*)", KAJ "La akcepto ANTE AL la urbestro (=*given to*)".

"La festo EL la mateno (= *from*)" KAJ "La festo DE la mateno (= *during*)".

"La malapero FOR DE la luno (= *from*)" KAJ "La malapero ATE DE la luno (= *by*)".

"La pliboniĝo EL DE tiu periodo (= *from*, *since*)", KAJ "La pliboniĝo ATE DE tiu periodo (= *by*)".

"La manĝado ANTE AL nia kokino (= ni manĝas ĝin)" KAJ "La manĝado ATE DE nia kokino (= *by*)".

"La manĝado ANTE raŭpojN (= raŭpoj manĝatas)", KAJ "La manĝado ATE DE raŭpoj (= *by*)".

"La rigardo ATE DE la vundita okulo(= *by*)" KAJ "La rigardo ANTE AL la vundita okulo".

"La bruligo ATE DE la krimulo (= *by*)" KAJ "La bruligo ANTE la krimuloN (= li brulas)".

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

"La trovo ANTE la infanoN (= la infano trovatas)" KAJ "La trovo ATE DE la infano (= *by*).
"La skulptado ANTE AL la fama pentristo" KAJ "La skulptado ATE DE la fama pentristo".

Kaj ĉe tri malsamaj signifoj de "de":
"La forpreno EL DE la infano (= *from*)" KAJ
"La forpreno ANTE AL la infano (= oni forprena la infanon)", KAJ
"La forpreno ATE DE la infano (= la infano forprenas ion)".
"La ĉaso ATE DE la birdo (= *by*)". KAJ
"La ĉaso ANTE la birdoN (= *done to*)". KAJ
La ĉaso de la birdo EL DE ĝia nesto (= *out of*)".
Kaj ĉe kvar:
"La pentraĵo EL DE la vendisto (= *from*)". KAJ
"La pentraĵo ATE DE la vendisto (= li pentris ĝin)". KAJ
"La pentraĵo ANTE AL la vendisto (= li estis pentrata). KAJ
"La pentraĵo DE la vendisto (= li posedas ĝin).

Por ĉiuj prepozicioj ĉisupraj (de; el de; ate de; kaj ante al) Zamenhof kreis nur unu prepozicion, nome "de", kion P.A.G. nomas "konfuza malfeliĉo". Post mia invento oni nun bezonas nur duonan paĝon por klarigi la diversajn signifojn kaj uzojn de "de", montrante unue la ĝenerale uzatan "de" anstataŭ "el de, ate de, kaj ante al".

**Postskribo**: Mi uzas nur "de" en kazoj kie miskompreno ne povas okazi, kiel ekzemple en:

La manĝado de la infano.
La danko de la savito.
La sipentrado de la pentristo.
La forpreno de la biciklo.
La donaco de la pupo.
La trovo de la oro.

La helpo de la polico.
La ŝanĝo de la rado.
La ŝanĝo de la vetero.
La manĝado de la pomoj.
La pentrado de la domo.
La vojaĝo de Romo.

*Marcel Leereveld*.

**JEN LA UNUA STROFO** de la itala popolkanto "*Sancta Lucia*":

| Itala. | Esperanta. |
|---|---|
| *Sul mare lucicha L'astro d'argento;* | Sur la mar' brilas Stel' de arĝento; |
| *Placida l' onda, prospero 'l vento.* | Dolĉe favoras ondoj kaj vento. |
| *Venite a l' agila barcheta mia,* | Dancas la barko kiel folio, |

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

*Sancta Lucia, Sancta Lucia.* Sankta Luĉio, Sankta Luĉio.

*M. L.*

Do nun kantu ĝin komune, aŭ sole.

*Marcel Leereveld.*



# La aĉa lingva diskriminacio inter homoj

En AE412 inter alia mi diris



Nur Esperanto povos nuligi lingvan diskriminacion ĉar ĝi ne havas kulturon aŭ denaskajn parolantojn en iu lando

*Roger Springer*

## LETEROJ de la legantoj




Kara Roger, mi konfirmas, ke mi daŭre ricevas kaj legas vian eldonon AE.

Supozante, ke ankaŭ en via kontintento oni agnoskas la monde konatajn faktojn, ke la Esperantomovado enhavas milojn da denaskuloj kaj plenrajte povas fieri pri ĝia vasta kulturo, de kiu mi gardas tre grandan kolekton en la Germana Esperanto-Biblioteko Aalen, mi ne povas ne reagi al via aserto sur p. 5 de la n-ro 412, tute kontestante tion.

Mi povus imagi, ke eble vi celis provoki respondojn kaj protestojn, por ekscii, kiom da homoj atente legis ĝin. Jen: kalkulu ankaŭ mian reagon!

Se vi estonte enmiksos iun kontribuon satiran aŭ ŝercan inter la novaĵoj informantaj, bv. iomete pli klare indiki tion! Ankau, se vi celas veran diskutadon.

Jen la rekomendoj miaj.

Kun scivolemo mi atendos vian respondon klarigan, ĉu mi nun prenu tiun aserton kiel serioze publikigitan informon:

"Ĉar ekzistas pli ol 4000 lingvoj en la mondo, eĉ se oni mem parolas 6 lingvojn oni ne evitas lingvan diskriminacion kontraŭ la parolantoj de la aliaj ĉ 4000 lingvoj. La angla, ĉar estas anglaj parolantaj landoj, diskriminacias, simile al iu ajn landa lingvo. Nur Esperanto povos nuligi lingvan diskriminacion ĉar ĝi ne havas kulturon aŭ denaskajn parolantojn en iu lando"

Amike, Utho *Utho Maier*

## Respondo

Ĉiu esperantisto scias pri nia kulturo, sed multaj kontraŭuloj argumentas ke ni ne havas kulturon. Anstataŭ perdi tempon korekti tiun ne signifan miskomprenon, eblas uzu la miskomprenon subteni la studon de Esperanto kiel la duan lingvon por la mondo. Do mi

enmetis ĝin en la kontraŭ diskriminacia argumento. Ĉu kulturo estas kialo por lerni Esperanto? Ne!

Ĉu vi komprenas la signifon de kulturo? Ĉu ĝi celas vestojn?, manĝojn?, manipuladon?, ktp. Aŭ ĉu ĝi estas nur moda vorto same kiel libereco, demokratio, justeco, terorismo, ktp uzata por emociaj kialoj en nia ne perfeka mondo de la propagandistoj, por gajni potencon kaj monon?

**Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto difinas kultur¹i** (tr)

**1** Prilabori (teron aŭ akvon), por produkti vegetaĵojn

**2** (evi) = kultivi.

**3** Perfektigi la spiritan evoluon de homo per racia edukado

**4** Sociigi, internigi sociajn normojn de ia komunumo.

**El wikipedio** Juan José Arreola iam diris "Kulturo estas ĉio kion ni faras nia."



**Ĉu vi povas difini "kulturo"** sendu al AE. Kaj ĉu kulturo influus iun lerni Esperanton?

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kunveno kun la Kanbero Esperantisto

Lastan mardon (5/2) Helen kaj Sandor renkontis Huigh, Giles kaj Caitlin en Kanbero.

Ankaŭ ĉeestis Sarah, kiu komencis serioze lerni Esperanton dum la somerkursaro en Adelajdo.

Ni estas en la ĉefurbo por helpi la patron de Helen malkreskigi la grandan monton de aĵoj.

Ni intencas refoje renkonti ilin,... kaj ni esperas aŭdi pli de la esperantistoj en Kanbero.




*Sandor Horvath*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

**Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiu semajna novaĵletero.** rspring@tpg.com.au



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.



Vizitantoj estas bonvenaj

# Invito LandArt en aprilo



Saluton amikoj,

Ĉu vi rimarkis, ke nova aktivaĵo en Greziljono estas proponata ?

Estas Art-aktivaĵo en kaj per la naturo por beligi la rektan ĉirkaŭaĵon de la kastelo kaj kampadejo.

Pentro sur stumpo (laŭ modeloj proponitaj por reprodukto se vi deziras) ; mobiloj ; panelo dekora (laŭ la ekzemplo sur la malsupra foto) ; etikedoj per brulgravurilo por la nomo de la plantoj en la bedoj ; strukturoj el vimeno kaj benkoj naturaj, se ni estas multaj.



Mi, kiu kutime ĝardenumas en Greziljono, atendas vin multnombraj por tiu projekto, **de la 12a ĝis la 16a de aprilo**. Tiel, la ĉirkaŭaĵo de la kastelo estos bela por akcepti la sekvajn staĝanojn !! kaj ĉar samtempe okazos Interkant, la etoso estos ankoraŭ pli agrabla kaj korvarma. Vidu rete gresillon.org/koruso

Do : aliĝu ! (en gresillon.org/aligho) kaj kontaktu min por ke ni diskutu antaŭe pri viaj deziroj kaj ideoj.

Ĝis aprilo mi esperas. Nathalie <rigault.nathalie@gmail.com>





# 3ZZZ

En la elsendo de la 11a de februaro eblas aŭdi ankoraŭfoje pri Baldur Ragnarson kaj pri la rilato inter Esperantistoj kaj mondcivitanoj.





*Franciska Toubale*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***